XXXIV-a Jaro — N-ro 469 (15) — 15/31 Oktobro 1938



# ESPERANTO

Internacia Gazeto duonmonata de Universala Esperanto - Asocio

# UNUECON!

Tiel titoliĝis artikolo en numero 28 de l' 17a de Julio en « Heroldo de Esperanto ». La verkinto, Teo Jung analizas la situacion de l' neŭtrala E-movado, prilumas la evoluon de l' organiza problemo, kaj konkludas : « **interkonsentigo malfacila, sed la Esperantistaro arde ĝin deziras** ».

Por atingi interkonsentigon necesas antaŭ ĉio klareco. Malfeliĉe tian oni ne trovas en la dirita artikolo, videble verkita verve *s e n* atento pri detaloj, precipe financaj. Ni represas ĉi tie la premisojn de venonta interkonsento, tiel kiel ĝin vidas Sinjoro Teo Jung:

*Unue, ne plu kvereli (ni konstatas kun plezuro ke post la Varsovia Kongreso kvereloj inter IEL kaj UEA ne okazis, maksimume inter adeptoj de ambaŭ organizoj pro la situacio, sed ne inter la organizoj mem)* ;

*due, ne plu paroli pri pasintajoj sed konsideri la nunajn cirkonstancojn kiuj solaj povas esti decidigaj;*

*trie,*

*a) unuiĝi, se eble;*

*b) kunlabori, se unuiĝo ne estus ebla.*

Por eltrovi eblecojn de unuiĝo, estas necese resumi la *faktojn nun ekzistantajn*. Tiujn faktojn ni eble trovos plej facile, demandante :

*A. Kiu asocio estas la pli ampleksa:*

1. *laŭforme ?*

2. *laŭnombre ?*

*B. Kiu asocio havas je sia dispono :*

3. *la pli bonajn financojn:* monon aŭ realigeblan monvaloron (domon, librojn vendeblajn) aŭ la malpli multajn ŝuldojn ?

4. *la pli taŭgajn oficistojn kaj kunlaborantojn ?*

5. *la pli valora(j)n presorgano(j)n?*

6. *la pli longan tradicion?*

7. *la pli grandan moralan pozicion?*

(Sinjoro Teo Jung respondas tuj la faritajn demandojn):

La respondoj, ŝajnas al ni, estas koncerne la demandojn 1-2 kaj 4-5 por IEL, koncerne 3 ni ne kapablas juĝi sed ŝajnas ke ankaŭ pri ĝi la respondo estas por IEL. Koncerne 6 la respondo nepre estas por UEA, kaj koncerne 7 ĝi eble estas hodiaŭ egala por ambaŭ.

Sekve, se okazu reunuiĝo de IEL kaj UEA, kia do, konsidere al la nunaj cirkonstancoj kaj faktoj, kaj al la nepra neceso rezultigi plejeble fortan organizajon, ĝi devus aspekti ?

1. *La unuigita asocio devus resti ampleksa laŭ formo* (do asociaj kaj individuaj membroj, la universala asocio kun siaj delegit-servoj ne estu rezervita privilegio nur por tiuj kiuj kapablas pagi altan kotizon; kontraktoj kun privataj entreprenoj aŭ ties alproprigo al la asocio, se la cirkonstancoj tion permesas) ; — la fakto, ke la granda plimulto de l' gesamideanoj, eĉ se oni konsideras nur la individuajn membrojn, aliĝis al IEL, montras ke la esperantistaro mem preferas la pli ampleksan formon.

2. *La unuigita asocio devus anko raŭ pliampleksiĝi laŭ nombro de la membroj* (efektive, « Universala Esperanto-Asocio » aŭ « Internacia Esperanto-Ligo » kun 1300, aŭ kun 13.500 membroj, estas nenio, ni devos alceli mondorganizon kun 100.000 membroj, kaj pli multe).

3. *La centra oficejo devus, pro necesa ŝparo, resti en la propra domo, almenaŭ provizore.* Estas vere ke multaj preferus havi la C. O. en Genevo, aŭ en Bruselo, aŭ en Hago, — tian malŝparon (ĝi estus malŝparo, dum ekzistas propra domo) ni eble povos al ni permesi, kiam nia asocio jam havos 10.000 individuajn kaj 50.000 asociajn membrojn ; sed en la nunaj mizeraj cirkonstancoj de nia organizo tia malŝparo simple estus krimo.

4. *Por kontentigi personajn dezirojn* (se tio povos akceli la reunuiĝon), *aŭ pro aliaj motivoj, oni povus aranĝi filian oficejon en alia urbo kaj lando, kun aparta direktoro, ekz. en Genevo.* Kompreneble oni devus severe esplori, ĉu la budĝeto tion permesus ; sed estas esperinde ke la reunuiĝo konforme pligrandigus la enspezojn de la asocio, tiel ke ĝi rajtos aranĝi plene funkciantan filian oficejon.

5. *La unuigita asocio alprenu la tradicie plej konatan nomon, do « Universala Esperanto-Asocio »,* same kiel :

6. *La ĉeforgano povus aperi sub la tradicia nomo (« Esperanto »), aŭ ĝi surhavu la tradician nomon, krom la alia intertempe pli vaste diskoniĝinta kaj ne tiel facile intermiksebla kun la nomo de la lingvo mem.*

7. *Oni zorgu ke en milita aŭ alie eksterordinara tempo ni jam pretharu tian aranĝon ke la kontakto inter la diverslandaj aŭ diversflankaj esperantistoj restos laŭeble konservata.*

Jen la ĉefaj punktoj por alceli deziratan unuecigon aŭ interkonsenton. Kiel ni supre jam klarigis, la aŭtoro de la artikolo malatentis, intence aŭ ne *e s e n c a j n* faktojn. Ili ŝanĝas la bildon entute. Ni ne kritikas ion en tiu ĉi artikolo sed venas tuj al la kerno de l'afero mem.

## Realeco kontraŭ revo

Ni ne intencas kulturi pesimismon, *s e d* prezenti la staton, tia kia ĝi estas. La situacio de la mondo estas tia, ke oni ne rajtas esperi pliboniĝon baldaŭ. Sekve nia movado devas adaptiĝi al ŝanĝitaj kondiĉoj. Paroli pri centmil (100.000) anoj estas revaĵo sed ne realaĵo.

Adaptiĝi al novaj kondiĉoj, jen la devizo. La unua ŝtupo al tio estas konsciiĝi pri tio, ke la Esperantistaro ne kapablas vivigi sendeficite eĉ *unu* organizajon !

Pruvo : IEL fondita parte el la mono de UEA, helpita aktive de preskaŭ ĉiuj Landaj Asocioj, ricevinta domon kiel donacajon, havis je la fino de 1937 :

| |
|---|
| 2700 aktivajn membrojn |
| 10800 Asociajn membrojn |
| kaj deficiton (ŝuldon) de 26.000 |
| Frankojn svisajn, |

ne kalkulante la postulojn de UEA. La donace ricevita domo praktike ne plu apartenas al la Ligo ; ĝia valoro de 36750 Frk. sv. eĉ ne sufiĉus por repagi hipotekon (21840.— Fvk. sv.) kaj la ceterajn ŝuldojn.

Ni vidu la realecon ! La 2600 aktivaj anoj (sen la DM kaj HM) pagis ĉirkaŭe 21.000 Frankojn. Por bone kompreni la veran situacion, oni konsciiĝu, ke IEL enspezis po aktiva membro la sumon de iom pli ol 8 Frankoj (21000 Frk. : 2600). Komparante la efektivan perdon de IEL — 26000 — Frankojn svisajn kaj vidante, ke nur 2600 personoj pagis aktivan kotizon, tiam oni alvenas al la groteska fakto, ke la Ligo (krom tio kion ĝi liveris) *donacis DEK* Frk. sv. al ĉiu aktiva ano.

**Tio estas la realeco !**

## Racia rigardo

La prospero de la Esperanto-Movado dependas de proksimuma trankvileco politika kaj de ĝenerala ekonomia bonstato. Ĉiu malboniĝo esprimiĝas tuj en malpliiĝo de intereso kaj sekve malpliiĝo de enspezoj.

Nia movado troviĝas nun kvazaŭ en milita stato. Ĉiaj kontraŭuloj estas la eksteraj cirkonstancoj, inter ili unu el la sekvoj, la nuligo de la movado en gravaj landoj kaj la interna malfortiĝo, manko de intereso ĉe la publiko esperantista, dueco organiza kaj aliaj. Konkludo: Urĝas starigi minimuman programon de agado, sur bazo de videblaj enspezoj. Kiel realigi tion, ni montras en sekvanta ĉapitro.

## Pagopovo kaj bezono

La pagopovo esperantista estas limigita.

Oni devas antaŭvidi, ke la jaro 1939 estos ankoraŭ pli malfavora. Kaj adapti sin laŭ tio.

La movado bezonas :

1. Jarlibron. 2. Gazeton. 3. Kongreson.

Ĉio ekzistas duoble ; rezultas sekve duoblaj elspezoj por sama bezonajo. Trudiĝas tiam la demando, kio estus evitebla. Ni respondas per propono de programo de tuja efektivigebleco :

1.) *Eldoni komunan « Jarlibron de la Esperanto-Movado » presotan en lando kun pli malalta kosto ekzemple en Jugoslavio.*

2.) *Eldoni unu gazeton monatan presotan en lando malaltpreza, Belgujo aŭ Francujo.*

3) *Organizi unu kongreson, kun la apogo de ĉiuj, sub neŭtrala gvido kaj laborkunvenoj de ambaŭ organizajoj.*

Ĉio tio estus aranĝoj, kiuj ne tuŝas la radikon de l'situacio interorganiza. Do : minimuma programo, realigebla per bonvolo reciproka. La ŝparo efektivigebla estus minimume 10.000 Frk. Efektivigo de la propono estus paŝo antaŭen, ĝoje aprobata de l'esperantistoj.

## La estonto

Ne havas sencon hodiaŭ plori pri pasinto. Prepari la vojon al estonto, estas la ĉefa postulo. La agadkampo de Esperanto malgrandiĝas. Logiko postulas adaptiĝon de niaj organoj al tio. Kontraŭstaras la *racian* efektivigon de tiu ĉi postulo, la malkompreno pri *esenco* de l'organizo, la optimisma taksado de l'reala forto kaj ne laste la personaj malinklinoj. La tempo mem malfermos la okulojn al tiuj, kiuj ne volis vidi kaj kompreni.

La *unueca* organizajo internacia, sur bazo de Landaj Asocioj kaj kolektiva kotizo kvindekcentima po membro malglore fiaskis. Necesas trovi ion pli bonan, ion konforman al la realeco. Unua ŝtupo al tio estas la forigo de la skismo, videbla, en paralelaj agadoj. Kaj tion plenuminte oni liberigos ĉenitajn fortojn necesajn unuavice por prepari la vojon al estonteco.

H. J.

## Niaj Mortintoj

*Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon do nia kora simpatio.*

*S-ro Fernand Moncousin*, komandanto de infanteria regimento en Verviers, 23 Aŭgusto 1938, Belgujo, 45 jara. Esp-iĝis 1924, prezidinto de la grupo en Liége.

*Sinjoro Edward Collins J a c k*, eks-subtenanto de UEA, ano 32128 en Wellington, 2 Majo 1938.

*F-ino Alice Maud Stacy*, anino de UEA nro 8503 el Buckhurst Hill, graflando Essex, Anglujo, 27 Aŭgusto 1938, 53 jaraĝa. Malnova kaj fidela ŝi estis, lerninte la lingvon en jaro 1907 kaj seninterrompe partopreninte la movadon. Citinda estas, ke la tuta familio Stacy estis anoj de UEA, portante ĉiuj malnovajn numerojn de registrado.

*F-ino Soho W i t o s c h*, 7an de Aŭgusto 1938 en Novy-Bohumin (Oderberg) Ĉeĥoslovakio.

*S-ro Andreas Deistler*, ano nro 12905 kaj eks-delegito de UEA en Vieno (Aŭstrio) laŭ reveninta jarlibro 1938 kun mencio : « Mortinta ».

*D-ro Fritz Uhlmann*, Riehen ap. Basel, Svislando 58 jara, 24 Septembro 1938. La esperantistoj de la antaŭmilita epoko bone memoras tiun ĉi kunbatalinton, kuraciston kaj framasonon. Li tradukis la siatempe multe legitan verkon de Forel, « Kulturceladoj de la nuntempo », kompilis lernolibron, tradukis ruĝkrucajn broŝurojn, vortareton. Sed ĉefe li klopodis en framasona medio, fondinte ligon internacian por ĉiuj ritoj. Tiu ĉi ligo sin servis de nia lingvo por la rilatoj. De la ĝenerala movado D-ro Uhlmann apartiĝis, vidante pli fruktodonan kampon en la *uzado* de la lingvo, por praktikaj kaj humanecaj celoj, ol en la nura propagando. La grupo de Basel, kiun li kelkfoje vizitis perdis en li eminentan amikon.

Universala Esperanto - Asocio
Centra Oficejo : Palais Wilson, Genève, Svislando

## Eldiraĵoj

*Sekve la movado dispeciĝis. Vanis la ĝustatempa averto de la pioniroj kaj verkistoj. Kaj alvenis la senfrukta periodo de la « reorganizado ». Tiutempe mi skribis, ke nura administracia reorganizado ne alportos la deziratan rezulton, eĉ plidispecigos la movadon. Tiel okazis !*

JULIO BAGHY
(Hungara Heroldo)

⁂

*«IEL troviĝas en tre bona financa stato. Ni kapablis ekvilibri la budĝeton por ĉi tiu jaro, kaj por 1938 ni eĉ antaŭvidas grandan gajnon. »*

C. C. GOLDSMITH, 1937.

⁂

*Kaj estas tute certe, ke tiun ĉi staton de la internacia organizaĵo la esperantistoj ne akceptos. Ili ne protestos, ili ne plendos, ili ne kritikos plu, s e d ili simple ne plu aliĝos. Kaj ili deflankiĝos de la neŭtrala movado, sin turnante al pli interesaj kaj pli laŭtempaj formaĵoj.*

HANS JAKOB, 1937
(Raporto pri la kongreso)

⁂

*Tiu deksesmonata periodo, Septembro 1936 — Decembro 1937 prezentis gravan deficiton, kaj ni havis neniun kapitalon en la komenco.*

LOUIS BASTIEN
(Antaŭparolo IEL Jarlibro 1938).

⁂

*Ni havas ne nur deficiton sed ankaŭ hipotekon. Ĝin ni volas repagi por eviti la rentumon.*

A. C. OLIVER, IEL -estrarano
(Dum la Londona Kongreso)

⁂

*Mi tute ne volas argumenti por iu partio sed ĉu Kongreso estas vere universala, dum skismo en nia movado daŭras, pro kiu granda grupo de la samideanaro restas ekster la pordoj de la kongresejo ? Ĉu estas ĝuste, elekti kiel devizon de la kongreso : « Unueco estas forto » kiam ĝiaj organizintoj reprezentas nur parton (kvankam plimulton) de nia ducca neŭtrala movado ? Tia devizo povas esti la admono, kiun ni direktas al a m b a ŭ partioj, tiel longe, kiel ili ne trovis la vojon al nova interkonsento. sed oni evitu la ŝajnon uzi ĝin kiel rimedon por kaŝi la realecon antaŭ la okuloj de la publiko.*

J. R.G. ISBRÜCKER
(En raporto pri la Londona kongreso)

⁂

*Nenion dirante pri aferoj, pri kiuj opinioj estas tre malsamaj, oni povas tamen bedaŭri la malŝparon de laboro, mono, kaj energio, kaŭzitan de la aperigo de du Jarlibroj, granda parte duplikataj kaj antaŭvidi, ke baldaŭ unu jarlibro sufiĉos por la tuta movado.*

M. C. BUTLER
(En recenzo pri UEA Jarlibro)

⁂

*Malgraŭ ĉio ni devas esti optimistoj kaj ni ne povas perdi la esperon pri la venko de niaj idealoj, kiu ja estas certa. Oni devas havi ĉiam junan koron, kiel mi ĝin havas.*

Prof. ODO BUJWID (1938)

⁂

*Observante la nuntempajn interpopolajn konfliktojn ni klare vidas, kiel gravan rolon ludas en ili la lingvaj problemoj. Tial ni, la posedantoj de la plej efika kuracilo havas devon kaj respondecon. Ni ne estu « mutaj hundoj », silentantaj en la momento de la devo-plenumo.*

ANDREO CSEH (La Praktiko)

# Aĥilo Tellini †

Sekve de kormalsano, kiu lin trafis antaŭ kelkaj jaroj, la 1-an de Oktobro 1938, je la 5-a horo ptm., subite mortis en Udine, Profesoro D-ro Aĥilo Tellini.

Li naskiĝis en Udine (Friulo) la 25 Februaro 1866. Apenaŭ 22 jaraĝa li doktoriĝis je natur-sciencoj ĉe la Universitato de Torino de kie li tuj fariĝis asistanto, je geologi-katedro, ĉe la Universitato de Romo.

Poste, li instruis ĉe la Reĝa Teknika Instituto en Udine. Pro sia scienca vast-ampleksa aktiveco, kaj pro rekono de siaj meritoj D-ro Tellini ricevis de la Roma'a urbestraro, grandan ormedalon.

En 1900 li estis esploristo en Afriko (Eritreo) kie li plenumis gravajn studojn pri riveroj kaj bestaroj tieaj ; la riĉan materialon tie kolektitan li malavare donacis al la Muzeo en Trieste.

Per siaj propraj monrimedoj li starigis sciencan kabineton ĉe la Reĝa Teknika Instituto en Udine kiu, dum la mondmilito estis detruita.

Sian riĉenhavan sciencan libraron li donacis al Sankta Marino Respubliko ; sekve de tio, oni lin enskribigis inter la respublikaj « honoraj civitanoj ».

Pro la alta scienca valoro de siaj verkoj li fariĝis honora membro de Ateneo en Brescia kaj de l'Akademio Scienca, Beletristika kaj Belarta de Venecio.

De pluraj jaroj li sin dediĉis al lingvo-scienco kaj eĉ famaj lingvistoj turnis sin al li por konsiloj je la deĉifro de antikvaj dokumentoj. Lia aktiveco kaj agado tiurilate estis fame konata en Italujo kaj en eksterlando.

Ĝisfunde li konis la romanĉajn (ladinajn) lingvojn kaj sin speciale dediĉis al la friula lingvo. Profundan amon li havis por sia malgranda patrujo, Friul-lando, kaj por ĝiaj eminentuloj. Li eĉ starigis monumenton mozaikan honore de la ĉefa friula poeto Petro Zorutti (Corutti) kaj ekkomencis eĉ la starigon de speciala art-galerio de famaj friulanoj.

Batalema spirito, verva inteligenteco, ampleksa kulturo, originaleco je siaj vidpunktoj, nekutima modesteco, malofta boneco : jen la ĉefaj trajtoj de tiu ĉi friulano, kiu forpasis lasinte al studemuloj amplekSan verkaron. Inter la aliaj mi citas (verkoj en itala lingvo) : Subteraj akvoj de Friulo kaj ilia utiligado- Kelkaj dokumentoj pri la Friulaj tertremoj — Geologio en la ĉirkaŭ-aĵo de Romo.- La morena amfiteatro de Vittorio, en la Treviso-provinco -Pluvoj ĉe la orientaj Alpoj kaj en la Veneci-regiono. -El Tarĉento ĝis Resia, geografiaj notoj. -Geologia priskribo de la Udine'a topografia plano. Por la protekto de l' fiŝkaptado en la ne-maraj akvoj. Pilgrimado tra la Friulaj grotoj. El Peralba ĝis Akvilejo, kaj de Livenza ĝis Isonzo. Sentoj kaj amoj en la popola poezio de l' Friulaj ladinoj. Aro da aliaj verkoj, kreitaĵo de sia talento, atestas la ampleksan laboron de tiu ĉi eminenta studemulo.



Rimarkindajn plan-kartojn (mapojn) li publikigis pere de la itala Milita Geografi-Instituto kaj sin dediĉis ankaŭ al mineralogiaj serĉadoj. Pri Friulio, multon verkis en gazetoj kaj revuoj (ĉefe esperantaj) en-, kaj ekster-lande.

Li konatiĝis kun Esperanto en la jaro 1901 kaj ĝis sia morto li restis fidela adepto de la Zamenhofa lingvo kaj ideo.

Nekalkuleblaj estas liaj propagandparoladoj, faritaj antaŭ la la mondmilito (ĉefe en Emilio kaj Veneci-regionoj) kaj multaj rapidaj esperanto-kursoj li okazigis diversloke.

Italan Katedron de Esperanto (nun : Itala Esperanto-Instituto) li fondis dum 1912. Ano de l' Lingva Komitato, Korespondanto de la Akademio por ladina lingvo, Komitatano kaj Delegito de UEA dum multaj jaroj. Dum la mond-milito (kiam Italujo estis ankoraŭ neŭtrala) li sukcese peradis korespondaĵojn inter la internigitaj militkaptitoj kaj iliaj familioj.

Pri lia esperanta verkaro, originala kaj tradukita, mi citas (ne kronologie) nur kelkajn (ne parolante pri la plurcentoj da gazetartikoloj en itala kaj en esperanta lingvoj, dissemitaj tra tuta esperantujo) : Radikaro esp.-friula-ladina ; Esperanta Abelo (gazeto de li mem kompostita per propra presejeto, kiu aperis en Udine dum 1907-1912 ; La faktoj. Homara dataro (en « Esperanto » de UEA) ; Trezoro de l' lingvo friula ; Katalogo de produktaĵoj ; Gvidlibro de l'urbo Ravenna ; Ekzercaro esperanta ; La idilio ĉe la fonto ; La kato ; La urbo kiu dormas ; Fabloj ; Kristo ĉe la festo de Purim ; Kompararo ; Pri la devoj de l' homoj ; Historio de ex-libris'oj ; Tutmonda kroniko (en « Esperanto » de UEA) ; Esperanta gramatiko kaj sintakso ; Plena vortaro esp.-itala ; Esperanta gramatiko en Friula lingvo ; ktp. ktp. -En manuskripto ekzistas kolekto de pli ol 1500 popolkantoj (parte de li mem kolektitaj surloke) de italaj slovenoj, kun interlinia traduko en Esperanto.

Krom al diversaj naciaj, li partoprenis ankaŭ al kelkaj internaciaj kongresoj de Esperanto (Barcelono, k.a.).

Pro lia granda amo al Esperanto li konstruigis (unikan sur la tuta mondo) grandan mozaikan marmor-monumenton honore al D.-ro Zamenhof. Tiu ĉi monumento estas starigita en doma korteto, ĉe sia privata loĝejo en Udine.

Pro abundo kaj valoro de originaloj aŭ tradukoj en Esperanto D.-ro Tellini elstaras je la unua vico inter la italaj gesamideanoj.

La malapero de tiu laborema kaj bonkora viro estas gravega perdo por la scienco kaj por la esperantista movado.

La subskribinto, kune kun germana samideano Hellmuth Rath, reprezentis la esperantistaro al la funebra ceremonio.

JOHANO DELLA SAVIA

UDINE : Via della Valle, 12.

(Kondolencojn, transdonotajn al la familio, oni bonvolu sendi al la supra adreso. Anticipe kordankon !)

## Parolas la leganto

En la revuo « Per unuigitaj fortoj » 1938, N-ro 5, paĝo 5, troviĝas sub « Libera Tribuno » du riproĉoj de S-ro Dronchat, Delegito de IEL, al la adreso de germana samideano. Unue, ĉar tiu ĉi donas la titolon « samideano », en letero, al esperantisto kies opinion pri la esperantista organiza problemo li ne aprobas ; S-ro Dronchat diras ke estas babelismo uzi senpripense, perkutime, vorton. Ŝajnas al mi sufiĉe arbitra riproĉo. Ĉu pro tio, ke iu ne aprobas certajn opiniojn pri kiamaniere disvastigi Esperanton, li ne plu estas « ano de la sama ideo », nome de tiu ke Esperanto utilus ? Do, do. Kaj, cetere, la diverseco de opinioj ne postulas nepran malamikecon ; oni tamen povas havi respekton al la alia flanko, se tiu moviĝas en respektinda, honesta kaj konvena kadro. Siajn proprajn adeptojn, oni cetere alparolas ĝenerale per titolo esprimanta pli da intimeco : kara samideano, ktp.

Rilate la duan riproĉon, mi rekomendas al la pariza IELa delegito, kiam li trovas ion ne-interesa, ne okupiĝi pri ĝi, ankaŭ ne pri la afero UEA-IEL ; la aliaj personoj, dume, agos laŭ iliaj propraj opinio kaj bontrovo, sen sindemandi ĉu por S-re Dronchat la problemoj estas aŭ ne estas banalaĵo.

ROTACH

* * *

Mi legis kun danko vian raporton pri la kunveno arangita de la Amikoj en la Londona Kongreso ; des pli, ke la pensoplenaj paroloj de S-ro Buxton kaj D-ro Privat ja meritas seriozan atenton en la nuna malfeliĉa tempo. Mi bedaŭras, ke ambaŭ parolodoj ne estas haveblaj laŭvorte en presita formo.

Mi sentas dankon al la Kongresaj Aŭtoritatoj, ke ili afable disponigis al nia kunveno tutan matenon, kaj zorgis. ke neniu alia aranĝo okazu samtempe. Pro tio, kvankam teorie la kunveno estis faka, tamen en la praktiko ĝi efektive estis tutkongresa. Efektive, ili sentis kun ni, ke la ideala flanko de nia movado estas tro malmulte atentata, kaj ke pro tio la konsidero de la temo estas aparte grava.

Mi skribas precipe, tamen, por korekti aserton en viaj enkondukaj vortoj. Vi diras, ke la kvakerismo « ne estas specife movado religia ». Tio estas profunda eraro. La oficiala nomo de la societo estas LA RELIGIA SOCIETO DE AMIKOJ. La fruaj Amikoj sin nomis *Amikoj al la Vero* (pro tio la nomo Amiko). Ili predikis reveno al la primitiva Kristismo, kaj suferadis pro fideleco al sia kompreno pri tiu vero. La societo ne estas ia institucio filantropia aŭ socireforma, kvankam tiaj aferoj nepre fontas el sekvado al la instruoj de Kristo. Ĝi estas esence religia. La fundamento de nia vivo estas nia Kunveno por Adoro. Kiel Kristanaro, ni vidas en la sekvado al la instruoj de Jesuo Kristo la savon por la individuo kaj por la homaro. Ni deziras, ke nia tuta agado — persona aŭ socia, filantropia aŭ alia — fontu el obeo al liaj ordonoj : unue, amo al Dio, kaj (nur poste, kaj pro tio) amo al la homoj. Pri aliaj aferoj, kompreneble, mi ne parolas. Sed mi tre petas, ke vi ĝustigu ĉi tiun aferon en iu proksima numero.

Mi persone aliĝis al la Societo de Amikoj pro tio, ke mi vidis en ĝi la praktikan Kristismon— pri tio, ke ĝi estas profunde religia.

MONTAGU C. BUTLER.

## Primilitaj eldonaĵoj

La milito ĉin-japana, kondukita sub la aserto « *ekstermi la bolŝevismon* » nun daŭras jam pli ol unu jaro kaj estas nevidebla, kiam ĝi finos.

Ankaŭ nia lingvo servas en la batalo, diskonigi la vidpunktojn de ambaŭ partioj. En antaŭa numero ni rilatis al la revuo ORIENTA KURIERO, kiu en plaĉa formo konigas ne-plaĉajn okazintaĵojn. Kaj jen en Kanton aperas serio de broŝuroj pri la sama afero. Ni ricevis ĝis nun du kiuj titoliĝas :

*Kantono sub bombardo de japanaj aviadiloj.* (Al la Nova Etapo Serio A, n° 1 16 paĝoj, ilustrita.

*Ĉinio en flamo.* (Al la nova Etapo, Serio A, N° 2.) — Nur reproduktaĵoj de desegnaĵoj primilitaj

# La fulmosimila milito

La ideo de la rapide decidanta, fulmosimila milito fantomas ŝajne inter ŝtatestroj. Rapida atako, bone organizita kaj preparita, kun ĉiuj teknikaj rimedoj certigas kvazaŭ la tujan venkon. Estas rimarkinde, ke tiu ĉi ideo de la rapida decido apartenas al la muzeo de antikvaĵoj. Ĝi estas unu el la iluzioj plej malnovaj kaj plej danĝeraj de nia kompatinda homaro. Valoras konstati tion, legante ekzemple la priskribon de la dua punika milito de Tito Livio (59 A.K.-jaro 17). Oni emas fari paralelojn, legante per kia optimismo, Hanibalo preparis la pereon de sia popolo, organizinte tiun ĉi militon. La kartaganoj suferis sub la premo de la paca kontrakto, kiu finigis la unuan militon kontraŭ Romo. Grandega militkompenso, perdo de kolonioj, de la ŝiparo, limigo de la suvereneco, k.t.p., fortigis la konvinkon, ke la dezirinda ŝanĝo estus ebla, koncentrigante la energiojn de la popolo, Hanibalo pensis iĝi la estro de la mondo.

Hanibalo laŭ temperamento apartenis al tipo de l'asketo, tre disvastigita inter la grandaj gvidantoj. Ni legu : « *Li estis sentima en danĝero kaj entute sin memreganta, kiam danĝero lin minacis. Nenia peno povis lacigi lin korpe aŭ spirite ; Varmego kaj malvarmego li eltenis same. Li manĝis kaj trinkis laŭ la bezono, necesa por vivi, ne laŭ apetito kaj soifo.* »

Ankaŭ liaj malvirtoj estis similaj kiel oni trovas ilin ĉe la geniaj gvidantoj en la tuta historio :

« *Malhoma krueleco, perfido, transpasinta la jam proverban perfidemon de la punianoj, absoluta manko de veremo, de pieco, de respekto al ĵuro* ».

Tia homo nature estis populara. Kartago ĝojegis, kiam li, atakinte Sagunt-on provokis Romon. Unu sola viro en la senato de Kartago, Hano, kuraĝis pridubi la sukceson. Oni kredis, ke li tion faris pro ĵaluzo. Estu, Sed li montris ĉiuokaze grandam juĝkapablon pri la Romanoj. « *Ju pli longe ili hezitas agi,* » li deklaris « *des pli obstina estos ilia persisto, se iun tagon la milito eksplodos.* Kaj tiu ĉi klarvida profeto daŭrigas : « *Hanibalo kondukas siajn sieĝturojn kaj katapuliojn kontraŭ Kartago mem — la muroj de Kartago tremas sub la premoj de la militmaŝinoj...* ».

Hanibalo tamen povis montri, ke lia rompo de kontrakto pro Sagunto bone pasis kaj ke la Romanoj forlasis la hispanajn aliancanojn. Cetere ankaŭ Romo travivis panikon. Livio skribas : « *Estis sufiĉa kaŭzo por timi. Neniam Romo vidis pli energian kaj pli militspertan kontraŭulon, neniam la Roma ŝtato estis pli malbone preparita.* » Ekzistis multaj aferoj, kiuj devis kuraĝigi Hanibalon kaj tiel li kondukis sian armeon trans la Rodanon (Rhône) kaj la alparon. Estas vere « *la ĉefa parto de sia armeo ankoraŭ ne forgesis la lastan militon* » — li finis antaŭ 23 jarojn — « *kaj ĉi tiuj soldatoj rigardis kun teruro la eblan renkontiĝon kun la malamikoj* ». Sed transirinte la alparon kaj haltinte vidalvide de la riĉa Po-ebenaĵo, Hanibalo povis kuraĝigi ilin : « *Vi nun transpaŝas la limojn de Italio kaj Romo. De nun ĉio iros glate kaj facile — en unu aŭ en du bataloj vi konkeros la ĉefurbon kaj la fortikaĵon de Italio.* »

Se rapida venko estus garantio por la fina sukceso, Hanibalo havis kaŭzon sufiĉan por tia memlaŭdo. Laŭvide la kartaganoj superis la Romanojn en armigado, ekipado kaj gvidado ; la solaj faktoroj en kiuj la Romanoj superis, estis la tempo kaj la ekonomiaj rezervoj. Kiel Fabio tion rekonis, la Romanoj povis atendi. Hanibalo tion ne povis. Post la katastrofo de Cannae, eĉ al Romanoj ne malesperintaj devis veni la penso, ke Hanibalo efektive sukcesis per mallonga decidiga milito. Romo tremis terurigite. « *Neniam antaŭe regis en la urbo tia paniko... Certe ne ekzistas sur tero alia popolo, kiu post tia malfeliĉo ne estus cedinta* ».

Rimarkinde estas, ke eĉ en tia horo de triumfo, la saĝa Hano rifuzis partopreni la ĝeneralan ĝojkriadon. Malvarme li demandis : « *Ĉu la Romanoj jam sendis delegitojn al Hanibalo por peti pri paco ? Ĉu oni ion aŭdis, ke en Romo aŭdiĝis la vorto paco ?* » Kontraŭvole la kartaga patriotaro devis konfirmi, ke tio ne okasis. Kaj Hano daŭrigis : « *Sub ĉi tiuj cirkonstancoj, ni havas ankoraŭ la saman laboron antaŭ ni kiel je la tago, kiam Hanibalo metis sian piedon je la unua fojo sur tero itala. Multaj el ni ja povas memori, kiom ŝanĝoriĉa estis la sinsekvo de la unua milito. Neniam ŝajnis nia afero tiom promesplena sur lando kaj maro, kiam senpere antaŭ la konsuleco de Lutatius kaj Postumius. Sed dum ilia oficjaro ni estis venkitaj ĉe la Aegadoj...*» Sed lakartaganoj nenion volis aŭdi-. Livio skribas : « *Ili imagis al si, ke necesas nur malgranda klopodado propra por rapide finigi la militon* ».

Kiel instruas nin la historio, la milito tamen daŭris ankoraŭ 15 jarojn, per kio pruviĝis Hano minimume kiel pli bona profeto, se ne eĉ kiel pli bona soldato ol Hanibalo. Je la flanko de la Romanoj batalis la tempo, la rimedoj kaj Scipio, kaj ĉi tiujn kontraŭulojn eĉ genio militista ne povis superi. Hanibalo faris la kutiman eraron, subtaksi la malamikon, ties karakteron kaj persiston. Sendube la Romanoj aperis al li ĝenerale kiel nemilitemaj. Supozeble li pensis, ke la granda epoko de Romo jam pasis. La penso, ke la granda epoko de tiu aŭ alia lando forpasis, estas ankaŭ unu el la iluzioj, kiuj sin montris en la pasinto kiel plej sekvohavaj. Potencaj kaj inteligentaj regantoj kiel Frederiko la granda, Katerino de Ruslando kaj Jozefo II-a estis konvinkitaj, ke Anglujo atingis la supron de sia potenco. En la jaro 1914 Germanujo ripetis la du ĉefajn erarojn de Hanibalo, subtaksinte la kontraŭulon kaj iluziiĝinte pri la ebleco de rapida milito decidiga.

En vere saĝa mondo, ĉiu ŝtatviro antaŭ ekkomenco de oficado devus fari ekzamenon pri siaj konoj historiaj, en kiu li speciale devus pruvi, ke lia spirito estas libera je tiuj du grandaj iluzioj. Se Hanibalo estus studinte trankvile kaj detale la unuan punikan militon, li ne estus komencinta la duan tiom memcerte. Sendube li estis arda patrioto, kiu deziris nenion alian ol liberigi sian popolon. Li estus hezitinta antaŭ la penso, alvenigi la pereon de sia popolo. Certe, ke li faris multan ĉagrenon kaj suferon al la Romanoj, sed je kia prezo por Kartago ! Je la tago kiam Kartago estis detruita, ĝia popolo estus povinta diri prave : « *Tio ne estas la verko de la Romanoj sed de Hanibalo.* » Hanibalo estis danĝera kontraŭulo por siaj malamikoj, sed li estis multe pli danĝera por siaj amikoj.

Se ekzistas hodiaŭ en Eŭropo gvidanto de popolo, kiu kredas je la ebleco de mallonga decida milito, tiam oni devus doni al li ekzempleron de la historio de Livio, laŭ kiu li sin povus informi pri la sinsekvo de la tragedia iluzio de Hanibalo. Kartago gajnis rapidajn venkojn, sed la finan venkon gajnis Romo.

(Laŭ Robert Lynd).

## Bibliografia Servo

*A. G. Provost:* Stenografaj Gamoj (ciklostile presita). Eld.: Stenografa Instituto Tutmonda (9 Bd. Voltaire, Issy-les-Moulineaux. Seine, Francujo). 74 paĝoj. Formato 27 × 21 cm. Prezo Frk. fr. 9.— (1937-59).

*Grace M. Beaton:* Raporto pri la Internacia Movado (Julio 1934-Julio 1937) de la Internacio de Militkontraŭuloj (11. Abbey Road, Enfield. Middlesex, Anglujo). 27 paĝoj. Formato 21.5 × 14 cm. Prezo ne indikita. (1937-60).

*** La Juna Vivo, Internacia Kantaro. Eld.: La Juna Vivo (Graftdijk, N-H., Nederlando). 64 paĝoj. Formato 12 × 16 cm. Prezo: Gld. —.35, p. 9, Frk. fr. 4.—, Frk. sv. —.70, Kr. sv. —.70. (1937-61).

---

*** Esperantista Kalendaro 1938 Eld.: Esperanto-Asocio de Estonio (Postkast 6, Tallinn). 24 paĝoj. Formato 13 × 9 cm. Prezo ne indikita. (1938-16).

*F. V. Dorno:* La Aventuroj de L. R. M. Stultulof la Xa. Eld.: la aŭtoro. Generala Deponejo : O.E.L. (Battelschesteenweg 303. Mechelen, Belgujo). 64 paĝoj. Formato 19 × 15 cm. Prezo ne indikita. (1938-17).

*K. Wlostowski kaj W. Dobrowolski:* Surdmutuloj pri si mem..., trad. Süsskind Schönberg Eld.: la tradukinto. Presejo « Afiszowa » (M. Spiegelstein, Warszawa, Polujo). 48 paĝoj. Formato 17 × 12 cm. Prezo : Zl. pol. 1.— aŭ du internaciaj respond-kuponoj (1938-18).

*** Jarlibro de la Internacia Esperanto-Ligo 1938. Eld.: IEL (Heronsgate, Rickmansworth, Anglujo). 350 paĝoj. Formato 16 × 11,5 cm. — Nur por membroj de IEL. — (1938-19).

*** Jarlibro de la Esperanto-Movado 1938. Eld.: UEA. (Palais Wilson, Genève, Svislando) 255 paĝoj. Formato 16 × 11,5 cm. Vendoprezo Frk. sv. 5.—, senpage por membroj de UEA. (1938-20).

## Spertoj

*Nenio ekzistas, kion homo ne tolerus je la ŝarĝo de aliaj.*

*

*Saĝa virino neniam donos okazon al la edzo mediti / pri ŝi, kaj saĝa viro neniam meditas pri sia edzino.*

*

*Neniu ĝis nun laŭdis la vinon pro tio...,,,, ke en ĝi estas vero.*

*

*Kiam virino saĝiĝas, ŝi volas edziniĝi; kiam viro saĝiĝas, li plejofte jam estas edziĝinta.*

*

*Bela virino havas nur unu severan juĝiston..... malbela virino.*

*

*Kiam pasis la Majo de l'amo, la homoj konstatas, ke oni sendis ilin en Aprilon.*

*

*Ĉu virino havas grandan aŭ malgrandan piedon, ĉiam estas ŝia ŝuo tro granda.*

# Tra la Gazetaro

Kelkfoje oni trovas en ia angulo de esperantista gazeto, ateston pri la stranga tempo en kiu ni vivas (vegetas estus pli bone diri).

Jen foliumante le periodaĵon :

## Lingvo-Libro

oni legas, je la fino de recenzo pri la Jarlibro de IEL la jenan frazon :

« Por kelkaj ŝtatoj estas certe interese scii, ke en la delegitaro la judoj estas nur en tre malgranda procento reprezentataj, kaj ekzemple en Hungarujo ilia nombro ne superas la procenton leĝe fiksitan en tiu ĉi ŝtato ».

---

La legantoj verŝajne tion tute ne atentis. Kaj kio estus, se ekzemple estu nenia judo en la movado, ĉu tio ŝanĝus opinion de iuj leĝdonantoj pri ni ? Zamenhof mirus, se li povus legi tian, kvazaŭ senkulpiĝon en esperantista gazeto. Bravmiene la skibinto (P. B.) aldonas ke en Hungarlando la leĝe fiksita proporcio ne estas atingata. Kiel aŭtentika hungaro, P. B. ja devus scii, ke la 20 %, la proporcio, laŭ kiuj judoj rajtas labori, verki k.t.p. en tiu ĉi lando, ja ne koncernas nian movadon. Ĝia apliko — por plaĉi potencon — estus ekzemplo tipa por pruvi la konfuzon cerban, unu plian fojon.

## La revuo orienta

La japana periodaĵo esperantista regule aperas. La Oktobra numero, riĉe ilustrita enhavas varian tekstaron, inter kiuj estas dissemita pitoreske japanaj ideogramoj por klarigi ion. Leginda artikolo estas « Kemiaj esploroj pri antikvaj metaloj en Ekstrema Oriento ». En artikolo « Gvido pri la Tradukarto », japanlingva, vidiĝas la fera epoko en kiu ni vivas. Frazo por ekzerco tekstas : *Milito kaj paco estas ne ĉiam tute kontraŭaj unu al la alia ; iuj militoj estas por la celo de paco.* Rimarkinda ankaŭ pro la nuna cerba konfuzo estas jena propono al la 26a japana E kongreso :

« Konsiderante, ke la fakton, ke spite de la nuna konflikto ni povas okazigi la kongreson en paca atmosfero, ni devas danki al la batalantoj por la *defendo* de nia lando kaj multaj samideanoj nun sin penas ĉe la fronto, ni volas ĉi tiujn danki en la nomo de la kongreso. »

Tio estas io nova por ni eŭropanoj, ke la bravaj soldatoj japanaj *defendas* sian patrolandon en Ĉinujo !

## Pola Esperantisto
### Esperantysta Polski

ELDONANTO — WYDAWCA
POLLANDA ESPERANTO-DELEGITARO
REDAKTANTOJ — REDAKTORZY
PROF. DR ODON BUJWID — MGR TADEUSZ HODAKOWSKI

Ni represas ĉi tie tekston « Respondo » rilatanta al prilitova artikolo en n-ro 462. Ni revenas pri tiu ĉi afero en principa artikolo.

---

Dolore mirigis nin, ke en tiu simpatia gazeto ni trovis artikolon, abundantan je malveroj kaj falsoj, plenan de atakoj kontraŭ niaj nacio kaj lando. Tia artikolo absolute ne devis aperi en la gazeto, kiu pretendis esti neŭtrala koncerne la politikon. Ni ne povas al ni klarigi la kaŭzon de tio. Eble nur kompleta nescio de historio kaj geografio, neorientiĝo en fakta stato de la afero ebligis verki tian artikolon kaj poste ĝin presigi.

Verŝajne estus senutile rifuti punkton post punkto en tiu svarmo de mensogoj, sufiĉos, se ni mencios la plej okulfrapajn. Senfrukte estus diskuti kun blindigita ŝovinisto litova, anonima aŭtoro de la artikolo. Ni kredas, ke ne nur nin, polojn, naŭzis la malbongusta memflatado, misodora senbrida aŭtoreklamo.

La aŭtoro ne povas pardoni la influon, kiu akiris Polujo en litova lando. Kaj la afero estas tre facile klarigebla : pli alta kulturo influas malpli altan kaj pro tio multaj litovaj familioj poliĝis kaj volas havi nenion komunan kun litova ŝovinismo. Vere la urbo Wilno, kiun litovoj Vilnius nomas, estas laŭdevene litova urbo, sed pro tio litovoj ne povas pretendi posedi ĝin kun ĉirkaŭaĵo, ĉar Wilno dum paso de la jarcentoj tute poliĝis kaj nun ĝi estas unu el plej pure polaj urboj. Por ridige klarigi la aferon, ni memorigu, ke Berlin estas fondita de niaj prapatroj, slavoj, sed ĉu pro tio ni pretendu posedi Berlinon ? La situacio en ambaŭ kazoj estas simila.

Ĉu ne estas ridinda tia frazo de la artikolo : « La okupita Litovujo ĝis hodiaŭ estas sub la fremda jugo kaj dronas en mizerego » kaj ni aldonu : pli vere la aŭtoro dronas en mensa mizerego kaj en ŝlima marĉaĵo de malamo, en kiun li enfalis, blindigite de furioza ŝovinismo.

Sed ni ne povas rifuzi pravecon al tia frazo : « Laŭ pola kutimo estis enkondukita la servuto ĝis tiam neniam praktikata en Litovujo » kaj ni klarigu : komprenеble, ke ĝi ne estis praktikata, ĉar viaj prapatroj s-ro aŭtoro, preferis praktiki krudan sklavecon.

Ne estas nia kutimo skribi en tiu stilo, sed ni klopodis similigi ĝin al la stilo, kiun ni trovis en la priparolita artikolo, por montri al la aŭtoro malĝustecon de lia ago. Ni preferus verki frazojn plenajn de simpatio kaj amikeco, kiujn ni enfunde sentas por la litova nacio, sed ne por la aŭtoro, kiu — laŭ nia konvinko — ne estas homo de bona volo.

*La Redakcio.*

---

En la serio de esperantistaj popoledukaj kajeroj, kiujn redaktas Jozefo de Mihalik profesoro, afergvida prezidanto de Hungara Esperanto-Federacio, aperis la tria, belege ilustrita kajero pri Sankta Stefano la unua reĝo de hungaroj. Ankaŭ tiu-ĉi kajero, kune kun la ĝis nun aperintaj kajeroj, servas por konatigi la hungaran kulturon, historion kaj landon al eksterlandaj samideanoj.

La kajero estas mendebla ĉe la redaktoro J. Mihalik SASHALOM, Hungarujo. La unua kajero estas skribita pri Francisko Rákóczi la II-a, la dua kajero pri Hungaraj brodaĵoj. La prezo de unu kajero estas 2 respondkuponoj ; kiu mendas kune la 3 kajerojn, ricevos ilin por 4 respondkuponoj.

# Universala Esperanto-Asocio

## Oficiala informilo 1938-8

**Subtenantoj 1938.**

La sekvantaj personoj bonvolis helpi nian agadon aliĝante kiel Membro-Subtenantoj :

71. (Sennoma).
72. S-ro Vasyl Doroszenko, Wisniowiec, Polujo.
73. S-ro Karlo Gossweiler, Genève, Svislando.
74. S-ino Albert Jacob, Thonon-les-Bains, Francujo.
75. S-ino Elisabeth Ith, Aix-en-Provence, Francujo.
76. S-ino Marguerite Jörin, Genève, Svislando.
77. S-ro Radomir Klajić, Beograd, Jugoslavio.
78. S-ro Radomir V. Milenković. Knjaževac, Jugoslavio.
79. S-ro A. L. Moreau, Arnhem, Nederlando.
80. Blindul-Instituto, Zemun, Jugoslavio.
81. S-ro Camille Rogister, Collonges-sous-Salève, Francujo.
82. S-ro Marián Sola, Tarrassa, Katalunujo, Hisp.
83. S-ro Inĝ. Louis Thomas, Myszkow, Polujo.
84. Esperanto-Klubo « Vitraj Domoj », Warszawa, Polujo.
85. S-ro Sydney Woolnough, Parramatta, Australio.
86. S-ro Iŝikaŭa Takujuroo, Tokio, Japanujo.
87. S-ro D-ro Stojan Djoudjeff, Sofia, Bulgarujo.
88. S-ino Frida Jakob, Genève, Svislando.
89. S-ro Hans Jakob, Genève, Svislando.
90. S-ro Albert Granchamp, Annemasse, Francujo.

**Ĉefdelegitoj**

La Prov. Komitato de UEA akceptis proponon pri elekto de ĈD kaj nomis

**Ĉefdelegiton por Argentino**

S-ro Daniel Quarello, Str. Gallo 1106, Buenos-Aires.

**Ĉefdelegiton por Svislando**

S-ro Georg Rotach, Pappelweg 34, Wabern bei Bern.

**Jarlibro 1939**

Estas-en preparo. Ĝi estos nova ŝtupo en la rekonsolidiĝo de la Asocio kaj enhavos krom la kutima parto variajn artikolojn ĝeneralajn kaj pri la movado.

**Elekto de la Komitato**

Devis okazi dum Oktobro. La minaco pri milito iom ŝanĝis la planon. Dum Decembro eliros Oficiala Bulteno al la Delegitoj de UEA pri la agado en 1939 kaj samtempe pri la elekto.

**Situacio kaj adapto**

La okazintajoj dum Septembro, ne restis sen influo je nia, esence internacia, laborado. Pro tio la Prov. Komitato, konscia pri sia respondeco, decidis eldoni nur unu numeron de la gazeto ESPERANTO dum la monatoj, Oktobro ĝis Decembro 1938. (Entute tri numeroj).

**Esperantista interhelpo**

daŭrigas sian laboron. Pluraj novaj petoj pri enmigrado alvenis. Kreskis la korespondado pri tiuĉi servo.

La kolekto favore de konata samideano arestita bone sukcesis. Ni publikigas la lastajn donacojn en venonta numero.

**Kunveno de la Prov. komitato**

okazis je la 22/23 de Oktobro en la Centra Oficejo de UEA. Ĝi fiksis la agadon por 1939. pri kio la Delegitoj estos informataj per oficiala Bulteno dum Decembro 1938.

**Administra informilo n-ro 3**

estis sendita al la ĉefdelegitoj je la unua de Septembro. Ĝis nun respondis kelkaj. La ĉefdelegitoj nerespondintaj, bonvolu tion fari per la respondilo, duoble sendita al ĉiu.

**Jaro 1939**

Laŭstatute la administra jaro komenciĝas je la unua de Novembro. Pro la streĉa situacio politika, certaj laboroj prokrastiĝis, sekve de la malcerteco reginta. La membraro de UEA estas informata pri la nova jaro per speciala cirkulero elironta dum Novembro.

**Statistiko**

| | |
|---|---|
| Nombro da lokoj kun D.... je la 15. 5. 38 | 440 |
| Novaj lokoj laŭ nuna listo.. | 10 |
| Stato 15 Oktobro 1938...... | 450 |

## Novaj Delegitoj

*Angra do Heroismo* (Acoroj) *D.* : João Francisco d'AVILA, Instruisto, Rua Mousinho d'Albuquerque 82.

*Annemasse* (Francujo-Haute-Savoie) *D.* : Jules GILLIARD, Mekanikailaristo, 3, Place du Marché.

*Bath* (Britujo — Somerset) *D.* : C. Ashmore BAKER, Elektro-Inĝeniero, 18, Daniel Street.

*Bebington* (Britujo — Cheshire) *D.* : Fr. B. JONES, 23 Rocklands Avenue.

*Buenos Aires* (Argentino) Ĉefdelegito por la Argentina teritorio : Daniel QUARELLO, Komizo, ĉe « Esperanto-Centro Argentina », Strato Gallo 1106 — *D.* : Juan Angel QUIÑA GONZÁLEZ, Kuracisto, Azcuénaga 369 — *VD.* : Anastasio LÓPEZ LUNA, Verkisto, Rincón 120.

*Denderleeuw* (Belgujo — Oost Vlaanderen) *D.* : S-ino Yvonne BOCKSTAEL-SADONES, Poŝt-oficistino, Veldstraat z/n.

*Liverpool* (Britujo — Lancashire) *D.* : Kenneth TWINN, Pastro Unitaria, 287 Mill Street, Liverpool-8.

*Matanzas* (Kubo) *D.* : Fructuoso FERNANDEZ, Verkisto, 24 de Febrero 15 y 17 « Boston ».

*Memphis* (Usono — Tennessee) *D.* : Werner SIMON, 315 No. Montgomery Street.

*Týn nad Vltavou* (Ĉeĥoslovakio — Bohemio) *D.* : Jan Ev. SLÁVEK, Financa oficisto.

**Ŝanĝoj**

*Isafjord* (Islando) *VD.* : Gudmundur J. frá MOSDAL, Artisto-Bildotranĉisto, Sóltún, Isafjördur (la antaŭa adreso estis malkorekta).

# Ŝako

Redaktoro : Frant. Hájek, Premyslovo nábr. 396, Praha-Nusle, Ĉ. S. R.

En ĉi tiu problemo posedas la nigra turo la efiklinion c4-h4 kaj same c3-h3 por sia defendo per la ŝakado. Blanko interrompas ĉi ambaŭ liniojn per siaj figuroj (programa ideo).

N-ro 4. František Hájek, Praha. (Nationaltidende 1/11.1936).



Blanko matas per la 3-a movo.

*Solvo de n-ro 3* : 1.h4 Ra5 2.h5 Ra4 3.h6 b4 4.h7 a5 5.h8Ĉ! b5 6.Ĉg6! 7.f7 8.f8Ĉ 9.Ĉe6 10.d7 11.d8Ĉ 12.Ĉb7 13.Ĉd5 mato. Ĝuste solvis s-ro H. Gartelmann, Bremen, sed li atentigas, ke nigro povas sin defendi en la 5-a movo per b6 anstataŭ b5, tiam sekvus 6.Rc1! Rb5 7.Ĉf7 Rc5 8.Ĉe5 Rd6 9.f7 Re7 10.Ĉd7 Rf7 11.Ĉb6 Re6 12.Rd2 Rf5 13.Re3 kaj gajnas. Post 5. de nig. Rb5 sekvas la sama manovro kun 11.Ĉc5 kaj la sama rezulto.

*La ŝakterminaro*

Per ĉi tiu demando okupis sin René Deckers (Brazilujo) en la Bulteno de Internacia Scienca Asocio Esp. n-ro 44, oktobro 1936. Li ne konis bone la staton de la ŝaka ludo en la esperanta literaturo kaj tial lia verko, kvankam ĝi estis nur eta provo, estis rifuzita en la sveda faka revuo Schackvärlden (n-ro 8, 1937). En Heroldo de Esp. n-ro 45, 1937, kolektis Ilja Volockij aron da ŝakterminoj laŭ la vortaroj (kelkfoje jam malnoviĝintaj) kaj versajne ne atentis ankaŭ la ekzistantan esp. ŝakliteraturon. Pro tio li ankaŭ kelkloke eraras, aŭ aplikas la ne uzatajn arkaismojn.

La ŝakludo havas jam la miljaran historion, dum kiu evoluiĝis la ŝakterminoj tute laŭsisteme kaj en ĉiu epoko laŭ la dumtempa lingva uzado. Ĉi tiun legon devas ĉiam sekvi ankaŭ la esperantistoj. Ili devas modeste viciĝi sian esperantistan kulturon al tiu nepre ŝatinda historio de la ŝakludo kaj al ĝia internacie ekzistanta esprimaro samkiel tion faras la filozofio, la kuracista aŭ eble alia scienco. Per la ŝakterminoj vi traktas ne nur la okazajon sur la ŝaktabulo, sed per tiuj ŝakterminoj alparolas nin ĉiujn la lingvo de la pasintaj jarcentoj.

Nun ni klarigu pro kio oni nomas unu el la ŝakfiguroj « la kuriero » kaj ne aliel. En la ŝakludo, veninta Eŭropon en la mezepoko, okazis en la XV jarcento granda revolucio. Troviĝis sprita kapo, kiu ne estas plu konata, kaj aldonis al la nobela familio, loĝanta sur la ŝaktabulo, tio estas al la ĝistiama reĝo kaj veziro (nuntempa damo) la tute novan figuron, kiu trapaŝadis longe la oblikvajn vicojn da kampoj kaj oni donis al la novulo la nomon : « la kuriero ». Per tiu nomo komenciĝis la eŭropa epoko en la historio de la ŝakludo. Oni elektis la vere trafan reprezentanton de la tiamaj gravaj ŝtataj oficuloj. Per tiu figuro oni kompletigis la socion de aliaj oficuloj, regnantaj jam sur la ŝaktabulo. La nomo « kuriero » estis uzata de la popolo kaj same en la jam riĉa faka literaturo. Tiu nomo estis tiel ŝatata, ke en Germanujo estis eĉ speco de la ŝakludo nomata « Kurierspiel » (ludo de la kuriero), kiel atestas jam en la j. 1616 Gustavus Selenus en sia ŝaka verko.

La germana nomo « Läufer » (kuristo) estas uzata en Germanujo nur en la lastaj jardekoj kaj ĝi esprimas nur popolmaniere simbole la econ de tiu figuro — ĝi estas nur la ŝercvorto. Oni ne traduku en la sklava maniero esperanten ĉi novdatan ŝercvorton.

Oni atentigas insiste la vortfaristojn, ke oni neniam preteriru la gravan seslingvan vortaron por la ŝakludistoj, kiun entenas la verko « Sesdek ŝakproblemoj » verkita de Jozefo Paluzíe en Barcelona 1909.

Paluzíe estas ne nur oferema esperantisto, eldonante sian gravan verkon en nia lingvo, sed ankaŭ unuaranga faka verkisto. Lian vortaron kunhelpis verki la fama kataluna esp-isto Pujulá Vallés.

## Vojaĝo de I. H. Krestanov

Profitante sian devigan libertempon (pro malfruaj alveno kaj forveturo de la bulgara ŝipo) en Belgujo, S-ano Krestanov vizitis tridekon da valonaj kaj flandraj urboj, urbetoj kaj vilaĝoj propagandante, intervjuiĝante kaj paroladante pri Bulgarujo kaj Islando. Multaj gazetoj favore raportis.

### Mia rehejmiĝo

Pro iaj embarasoj en Nigra Maro, la bulgara ŝipo « Balkan » alvenis en Antverpenon kun unumonata malfruiĝo, la 18 Septembro. Nun, pro la necerta internacia situacio kaj malrapida ŝarĝiĝo, ĝi povis forveturi kun mi nur en la unua tagoj de Oktobro, kaj tra Gibraltaro, preter la afrika bordo (Maroko, Alĝerio, Tunizio), haltante pli longe en insulto Malto, en Pireo kaj Istanbulo, ankaŭ dekon da tagoj ĉe la Malgrand-Azia bordo de Nigra Maro, ĝi alvenos en Varna nur komence de Novembro. Miaj esperantistaj geamikoj estas kore petataj pacienciĝi tiam por respondo.

IVAN H. KRESTANOV, L.K.

## La voĉo de dankado !

Kiel sekvo al la artikolo kun titolo « Kien ni iras » en pasinta numero de ESPERANTO, estis aro da aproboj kaj... malaproboj.

Pri tiuj lastaj ni revenos en principa artikolo en venonta numero.

El Praha, dum kelka tempo kvazaŭ blokita, venis dankesprimo kiun ni reproduktas tie-ĉi.

(Redakcio).

### Dankon, samideanoj

En la mallumaj tagoj de la plej granda maljusteco, kiun travivas nun nia nacio, mi ricevis — profunde kortuŝita — viajn kuraĝigajn vortojn. Dankon ! Ni vivos kaj kredas, ke nia vero venkos.

JULIE ŠUPICHOVA, Praha.

### Sudvojaĝo Krestanov

Hejmveturante per la bulgara ŝipo « Balkan », Ivan H. Krestanov haltis po 3 tagoj :

en insulo Malto, akceptita de la bulgara honora konsulo kaj gesamideanoj ;

en Ateno, akceptita kune kun D-ro A. Stamatiadis de la bulgara ambasadoro D. Ŝiŝmanov, tradicia amiko de Esperanto, kie la 17 Oktobro vespere nia bulgara samideano paroladis antaŭ elektita publiko pri pli intima kunlaborado sur ekonomia-kultura kampo inter la balkanaj popoloj, montrante kiel modelon la nordajn popolojn pro ilia paceco, trankvileco, laboremo, honesteco, legemo k.s., akcentante, ke la plej bona fortikajo inter najbaroj estas ilia amikeco ;

en Konstantinoplo (Istanbul) kaj

en Samsun sur Nigra Maro, ĉie propagante.

### Korespondado

Badija (Korčula - Dalmacio - Jugoslavio). S-ro Miće Marinović dez. interŝanĝi PM k.ĉ.l.

Sreser - Janjina (Dalmacio-Jugoslavio). S-ro Ante Kučer dez. interŝanĝi PK. L.

S-ro Fr. B. Jones, 23 Rocklands Avenue, **Bebington**, (Cheshire, Britujo) dez. kor. k.ĉ.l. pri Filozofio. Nepre respondos.







Fondinto : H. Hodler, † 1920
Redakcio : Genève.
Red. : Povizora Komitato de U E A
Presis : Granchamp,
Imprimerie, Annemasse, (Haute-Savoie)
Dato : 15/31 Oktobro 1938